2^a Jaro - N° 11 MARTO 1947 1 numero : 5 fr.

KOMPRENI

REDAKTEJO
32 COURS GAMBETTA
LYON
FRANCE

POŜTA ĈEKKONTO
ROY. 581-73 LYON
TELEFONO
P 22.04

Jarabono : 50 fr. fr. (Ĉiuj landoj).
Aŭ 6 int. Respond - Kuponoj.
Aŭ egalvaloro de Esperanto-libroj

ORGANE MENSUEL
de la Fédération Esperantiste Rhône-Alpes

Abonnement Annuel :
Tous Pays : . . . . . 50 fr. fr.
De soutien . . . . . 100 fr. fr.

# L'Esperanto
## et le personne[l e]nseignant

L'Ecole peut et doit assurer a l'Espéranto un progrès décisif. C'est elle qui peut toucher des élèves nombreux, à un âge où l'esprit assimile facilement les connaissances.

Qui s'adressera avec succès aux écoliers français, si ce n'est leurs maîtres, instituteurs et professeurs ? Parmi ces derniers, il en est encore trop peu qui soient espérantistes. La tâche du G. E. E. (Groupe des Espérantistes de l'Enseignement), est de former des maîtres qui, à leur tour, enseigneront l'Espéranto aux enfants et aux jeunes gens. Jusqu'ici la manifestation la plus saillante du G.E.E., la plus originale aussi, c'était son annuelle Ecole d'Eté. Plusieurs réalisations nouvelles ont marqué l'année 1946, qui a également été, du point de vue du recrutement, une année prospère (706 cotisations payées). L'Ecole d'Eté à *Sassenage* a connu le succès habituel ; son « club » a été particulièrement goûté des participants et des visiteurs de la région.

— A L'ARBRESLE, notre excellent camarade Duthel organisait, avec l'aide du G. E. E. et une participation financière du Syndicat National des Instituteurs, une colonie de vacances pour enfants espérantistes. Pour être vraiment féconde, cette colonie devrait être internationale. Elle le fut. Pour la première fois en France, des « moins de quatorze ans » anglais, français et hollandais, réunis pendant un mois, ont formé une petite société où l'Espéranto jouait normalement son rôle. Les espérantistes de la région qui assistaient à la fête de clôture donnée par les jeunes « colons », ont pu s'en rendre compte ; et plus d'un, j'en suis certaine, aura admiré et peut-être envié l'aisance que tels jeunes acteurs mettaient à manier la belle langue de Zamenhof.

— Afin de sceller l'entente établie avec l'association sœur britannique, et de régler les détails d'une collaboration féconde, le G. E. E. a envoyé un de ses représentants à l'Ecole d'Eté que nos amis anglais ont créée à l'exemple de celle du G. E. E. En échange, deux collègues anglaises ont été les hôtes de l'E. E. de Sassenage, où l'atmosphère internationale fut complétée par la présence d'un espérantiste danois venu retrouver là sa correspondante. Relations déjà anciennes amorcées par le service KORESPONDO SERVO du G. E. E.

— Le secrétaire du G. E. E. assistait au Congrès de l'Association pédagogique internationale, la *Nouvelle Education*, où les organisateurs n'avaient admis comme langues officielles que l'anglais et le français.

Notre camarade George, professeur à l'E. N. d'instituteurs de Besançon, signala tout l'intérêt que présenterait l'Espéranto, demanda qu'une commission fût fondée au sein de l'Association pour étudier la question de l'Espéranto, distribua le texte de son discours dans les trois versions anglais, français, espéranto, et put recueillir un grand nombre de signatures pour une déclaration destinée au secrétariat général et où l'on fait remarquer les inconvénients du bilinguisme dans le Congrès. Son action ne restéra pas sans résultats.

Telle a été l'activité du G. E. E. pendant l'année écoulée. Quelque encourageants que soient les résultats, ils ne nous satisfont pas. Pour assurer à l'Espéranto une diffusion telle, qu'elle force les pouvoirs publics à le reconnaître comme matière du programme de nos écoles, le G. E. E. doit être une organisation de masse. C'est pourquoi il se tourne vers les instituteurs qui nous liront, et leur dit : renforcez le G. E. E., donnez-lui votre adhésion, recrutez-lui de nouveaux adhérents.

Jeanne DEDIEU,
*Présidente du G. E. E.*




13-4-47

**PIKNIKO EN Saint-PRIEST**

*RENDEVUO 9 h. place du Pont (tram 23)*

Laŭ deziro esprimita de multaj membroj, la programo de niaj monataj kunvenoj estas de nun tiel fiksita :

9 h. 45 : Malfermo de la biblioteka servo.

10 h. 15 : Mendo de la trinkaĵoj.

10 h. 30 : Komenco de la oficiala kunveno. Kantoj, novaĵoj pri la movado, anoncoj, anekdotoj, ludoj, k.t.p.

11 h. 30 : Fino de la oficiale kunveno. Libera babilado.

12 h. : Fino de la kunveno.

Bonvolu noti ke la oficiala kunveno komenciĝos akurate je 10 h. 30 ! Do venu plej malfrue je 10 h. 15 por mendi vian trinkaĵon.

Por ke niaj monataj kunvenoj fariĝu ĉiam pli interesaj ni petas vian kunlaboradon. Prezentu ĉiujn sugestiojn al Richard Levin, 55, avenue Félix-Faure, Lyon.

Kaj memoru, ke niaj monataj kunvenoj okazas la unuan dimanĉon de ĉiu monato, en Brasserie de l'Étoile, 1, cours Gambetta, Lyon.

**STUDRONDO**

Okazas ĉiumerkrede je 20 h. 30, en Brasserie Etoile, 1, cours Gambetta Oni kantos, ludos en E-o. Dufoje en la monato okazos paroladetoj.

**LA HELPOSERVO**

S-ro EPSTEIN, Lons-le-Saunier. Vestoj por Hungara Federacio.

| | | |
|---|---|---|
| Anonimulo | 5 | » |
| Anonimulo | 5 | » |
| S-ro Guignot | 40 | » |
| S-ro Roy, Lyon | 100 | » |
| Monkolekto oktobra kunveno. | 475 | » |
| Monkolekto novembra kunveno | 417 | » |
| Monkolekto decembra kunveno | 775 | » |

Zorgantino : Fraŭlino Ludovikino CAVAILLEZ, 45, rue du Port, Saint-Fons (Rhône-. C.C.P. Lyon 1996-27.




VIENNE. — La 19-an de januaro la grupo inaŭguris sian novan sidejon. Ĉeestis samideanoj el Lyon kaj Romans. S-ro Morgues, sekretario de la Asocio de la Komercistoj, skizis la sindoneman vivon de nia bedaŭrata amiko Uline.

Asqueri el Romans rakontis pri sia vojaĝo en Britio. Poste la ĉarmaj vienaj kantistinoj agrable aŭdigis al la ĉeestantaro belajn melodiojn.




**NACIA KONGRESO DE U-E-F EN VERSAILLES**

**PROGRAMO**

*Sabaton* 24-5-47. — Akcepto de la kongresanoj kaj promenado tra la urbo. Ekzamenoj. — *Vespere :* festo.

*Dimanĉon* 25-5-47. — Malfermo de la Kongreso. — Bankedo. *Vespere :* festo.

*Lundo* 26-5-47. — Vizito de la Palaco.

**INFORMOJN PETU DE S-ro CHILARD**

*5, Avenue de Saint-Cloud VERSAILLES*

**PARTOPRENU AL LA**




**INFORMOJN PETU DE : Kdo JULES PERRET, 68, rue Renée Villeurbanne (Rhône)**

SABATE. — 14 h. Akceptejo en la laborborso « salle A » 1a etaĝo.

20 h. 30. Solena malfermo (salle Etienne Dolet, rue B'chat).

DIMANĈE. — 8 h. Laborkunsido 14 h. Laborkunsido.

LUNDE. — Matene. Laborkunsido. Posttagmeze. Vizito de la urbo.

MARDE. — Postkongresa ekskurso.

Franclando estas unu el la landoj, kie la nombro da petskriboj senditaj estas la plej malmuta ! Ĉu la francaj esperantistoj ne komprenas la gravecon de la afero, aŭ ĉu ili nur estas prokastemaj ?

Kiom multe vi faris por Esperanto en via primaipli longa vivo ? Ĉu vi ne hontas ? Nu, kolektu iom da kuraĝo, mendu deklaraciojn, subskribigu kaj resendu al ni.

Legantoj de KOMPRENI, montru, ke vi KOMPRENAS, ke vi ne estas amorfuloj ; jen okazo por multe labori... iom laboru !

Petu Deklarojn al F. TREPIED, 30, avenue Lacassagne, Lyon (3e). Aldonu 5 fr. por la respondo.

**ROUSSILLON**

En la Grupo Esperantista de la Frateco Spirita (Adreso : Domaine des Marquets, Roussillon (Vaucluse) (Francio) okazas ĉiutage kurso de E-o. La infanoj kantas multe en la zamenhofa lingvo.

Tiu asocio ricevas sur kampoj aŭ se eble en dormejo ĉiujn migrantajn samideanojn aŭ naturistojn. Baldaŭ ĝi malfermos studrestadon por gejunuloj 14 17 jaroj koncernante la teknikon de tropika terkulturo kaj kolonia agado.

La kursoj interesas ĉiujn gejunulojn kiuj ŝatas la kolonian vivon kaj kiuj deziras vivi moderne kaj sen antaŭjuĝajoj, laŭ la novaj vivreformoj. La interesontoj povas skribi aldonante poŝt-markon por la respondo.

La skolta jamboreo okazos en Francujo dum 1947 — Eo devos montri sian taŭgecon dum tiu internacia kunveno. Sin turni al S-ro Couteaux, 38, rue Ernest-Renan, Sèvres (S.-et-O.), Francujo.

# Mon-Kolekto Por "Kompreni"

S-ino Godard, 50 fr. — S-ro Maindrot, Domery, 100 fr. — S-ro Fedoldi, Liono, 100 fr. — S-ro Bros Andeisson, Boros, Svedio, 50 r. — S-ro Colney, Montmorin, 40 r. — F-ino Nygren, Amstfors, Svedio, 10 fr. — S-ro Perrin, Amplepuis, 20 fr. — S-ro Roy, Liono, 30 fr. — S-ro Amade, La Celle-Saint-Cloud, 50 fr. — S-ino Levigne, Liono, 50 fr. — S-ro Joyeux, Huriel, 50 fr. — S-ro Marquin, Pont-s.-Sambre, 20 fr. — S-ro Dessapt, Thiers, 50 fr. — S-ro José Pirès Marquès, Lisboa, Portugalio, 50 fr. — La Fraternité Spiriutelle, Roussillon, 10 fr. — S-ro Védrine, Parizo, 50 fr. — S-ro Ferrari, Parizo, 65 fr. — S-ro Bodereau, Chartres, 50 fr. — S-ro Marly, Bordeaux, 30 fr. — S-ro Cézar Johano, Villebarou, 10 fr. S-ro Rosenzweig, Nancy, 50 fr .— F-ino Robineau, Parizo, 50 fr. — F-ino Mauchien, Amiens, 10 fr.— F-ino Demol, Amiens 10 fr. — S-ino Thiennot, Amiens, 10 fr. — S-ro Boyer, Amiens, 10 fr. — F-ino Noirot, Pierrepont-sur-Avre, 10 fr. — S-ro Moisset, Montpellier, 50 fr. — Portugala Eldona, Bondo, 100 fr. — Gejunaloj, Liono, 20 fr. — S-ro Mannent, Romans, 50 fr. — S-ro Clavel, Valence-sur-Rhône, 40 fr. — S-ro Grossmann, Liono, 30 fr.

| | |
|---|---|
| Sumo de tiu listo | 1.335 fr. |
| Antaŭaj listoj | 5.794 fr. |
| Sume | 7.039 fr. |

« KOMPRENI » est en vente, à Lyon, aux kiosques suivants : place des Cordeliers, place Le Viste, place du Pont (angle cours Gambetta).

A PARIS : Domo de la Verdsteluloj (gvidanto Napoleono FERRARI) 20, rue de Savoie (6e). Librairie Centrale Espérantiste, 41, rue Descartes (5e).




**LA 32-a UNIVERSALA KONGRESO**
**(Berno. — de 26-7-47 ĝis 2-8-47)**

Ni organizos karavanon por la Bern'a Kongreso. Foriro de Lyon la 26an de Aŭgusto, matene. Alveno en Berno posttagmeze, ĉirkaŭ la 15a. Reveno la 3an de Aŭgusto.

Ni projektas alian karavanon por Ĉekoslovakio, de la 3a de aŭgusto ĝis ne ankoraŭ fiksita dato.

La du karavanojn oni povas kombini.

Por pagi la aliĝon al la kongreso kaj la restado en Berno ni baldaŭ havos tre precizajn informojn. Respondeculo : Pialla, Nyons (Drôme).

La Svisa Registaro rajtigas al sia Vic-prezidanto S-ro D-ro Enrico Celio, ministro de la Federacia Poŝt- kaj Fervoj-departemento estiĝi la Honora Prezidanto de la 32-a Universala Kongreso de Esperanto 1947 en Bern. Per tio la Svisa Registaro montris al la Esperanta movado grandan honoron. Ĉar per tio ili esprimas sian ĝojon, ke la venonta Universala Kongreso okazos en Svislando kaj per tio ili ankaŭ aprobas la laŭdindan celon de la Esperanta movado kaj esprimas samtempe sian simpation por la ideo de la mondlingvo.

La Registaro transdonis sian plej koran deziron por la efektiviĝo de la Kongreso. Dum la S-olena malfermo de la Kongreso la 27-an de Julio verŝajne la ministro D-ro Celio salutos la Kongreson en la nomo de la Svisa Registaro.

*Senpaga vizo al Svislando*

Ĉiu kongresano ricevos senpagan vizon al Svislando de la Svisaj Ambaladorejoj aŭ Konsulejoj en eksterlando montrante la kongresan karton (nur por la kongresa tempo kaj postkongreso).

*Mendu baldaŭ vian restejon en Bern*

La LKK informas la kongresanojn de la 32-a Universala Kongreso de Esperanto, ke la restad-demando estas ege malfacila. Pro tio petas la LKK ke ĉiu kongresano tuj sendu sian mendon aŭ por hotelĉambro aŭ por ĉambro ĉe privatulo.

Pro la relative malgranda nombro de hotel- kaj privatĉambroj, kiuj estos je la dispono, estas LKK devigata pritrakti la mendojn laŭ la sinsekvo de ilia alveno al Bern kaj poste ne estos eble plenumi eventualan specialdeziron. La unuaj mendantoj ricevos la plej bonan servon.

Ankaŭ la mendanto de Amas-restejo devos baldaŭ sendi al LKK sian mendilon. Tiu kiu ne havas aliĝilon aŭ mendilon por restado ricevos tiun de la Loka Kongresa, Komitato, Bundesgasse 20, Bern, Svislando.

*Transpago al Svislando*

La partoprenontoj de la 32-a Universala Kongreso de Esperanto 1947 en Bern loĝante en lando kun devizmalfacilaĵoj devas turni sin tuj al la Landa Asocio, kiu faros la necesajn paŝojn por solvi tiun aferon.

## AŬSTRIO

La 7an de Decembro 1946 okazis en Vieno la fonda ĝeneral- kunveno de la « Aŭstria Societo de Amikoj al Esperanto ».

La societo celas kolekti senkonsidere de deveno, religio, sekso kaj profesio ĉiujn, aŭ Esperantistojn aŭ neesperantistojn, kiuj sincere volas kunlabori por la interkompreniĝo de la popoloj kaj starigo de vera pacordo en la mondo kaj kiuj konsideras sia speciala tasko la ideon de universala lingvo, kiu estas nuntempe praktike efektivigita en la formo de Esperanto.

Kiel honorprezidanto, estas elektita Federacia Kanceliero Inĝeniero Liepold Figl, kiel honoraj vicprezidantoj la Federaciaj ministro d-ro Hurdes, d-ro Heinl kaj d-ro Frenzel, en la honorkomitaton estas elektitaj personoj de la politika, kultura kaj ekonomia vivo de la respubliko Aŭstrio.

La estraron gvidas la societa prezidanto sekcia konsilanto d-ro Maximilian Führing kaj liaj anstataŭanto: Ferdinand Noggler kaj Raimund Cech.

La sidejo de la societo estas en Vieno I., Neutorgasse, 9, Aŭstrio.

La fondo de samtaskaj naciaj societoj de amikoj al Esperanto en aliaj landoj estus tre rekomendinda. La estraro volonte donos informojn.

## SVEDLANDO

Dum la tempo 12-15 julio 1947a (tuj post la internacia somerkurso en Skovde), okazos junularkunveno esperantista en JURSLA apud la urbo NORRKEPING en la mirinde bela regiono de Kolmarden. Bonegaj bankaj sporteblecoj !

La partoprenontoj loĝos en bonega « esperantista somerhejmo » kaj oni aranĝes malmultekostan manĝaĵon. Bona tendkampo troviĝas por tendemuloj.

La programo ankoraŭ ne estas tute preta, sed ni promesas, ke ĝi estos enhavoriĉa kaj povos don ial la partoprenontoj abunde da « korpa kaj spirita nutraĵo ».

Do, ni invitas eksterlandajn, gejunulojn al nia kunveno kaj promesas helpi al ĉiu, kiu deziras veni al nia lando ĉi-somere.

B. v. peti informojn kaj aliĝilojn ĉe :

S-ro Karl E. Anderson, Jursla 5 A B Y.

Kompreneble troviĝas multaj mal facilaĵoj rilate eksterlandajn vojaĝojn, sed ni faros nian eblon helpi al vi.

Do — Bonvenon al Svedlando — al la bela sveda somero 1947 !
Svedo - Esperanto - Federacio - Junular Sekcio. Tutmonda Junular-Organizo - -Svedo Sekcio.



## BRITIO

Nia amiko D. A. POULTNEY, pro troa laboro ne plu povas zorgi pri la peranteco de « K » en Britio.

Ni multe dankas lin pro lia sindonema laboro kaj esperas ke, post sukceso al ekzamenoj, li estos denove inter ni. Nia samideano G. MOIR akceptis la oficon. Bonvenon al li.

## PERANTOJ DE KOMPRENI

BRITIO. — S-ro G. MOIR, 44 Francis Street. FULWELL. Sunderland co Durham (jarabono 3 ŝ).

*BULGARIO.* S-ro Nikolo G. Kolarov ul Kenali 36 KAZANLIK (Jarabono 120 levoj).

ITALIO : S-ro Nicolo LA COLLA, Via San Dalmazzo 12, TORINO (jarabono 100 liroj).

PORTUGALIO : Portugala Eldona Rondo. Monte de Lapa 49-1 PORTO (jarabono 15 eskudoj).

**ALIAJ LANDOJ.** — CEFPERANTO de I. E. L. (jarabono kiel por britio).

## ANONCETOJ

(10 Fr. aŭ 1 respondkup. po unu linio)

Mi deziras korespondi kun mezeŭropa aŭ skandinava kontregistrito. Skribu al S-ro R. CHABANA, Comptable, Sarrians (Vaucluse). Francio.

Kiu el Francio dezirus pasigi libertempon dum monatoj julio kaj aŭgusto *interŝanĝe* kun altlerneja studento kiu deziras perfektiĝi en franca lingvo, en bona ĉeĥa familio, skribu al František Pytloun, oficisto, Hradec Králove II ulice Dra. Zamenhofa 1010, Ĉehoslovakio.

—o—

Ni serĉas, inter la Franca junularo esperantista, gejunulojn kiuj ne estas partiaj, sed superpartiaj, sur la baze de la Zamenhofa Interna Ideo ni kontaktos kaj se eble reciproke vizitos. Skribu al : *Aloïs Hilkersberger*, Haus Espero Sotzwez 1 *Landeck* (Tirolo) *Aŭstrio.*

*S-ino Paul PORTIER.*

Laŭreatino de la Konservatorio de Liono, 16, grande rue Saint-Clair, Lyon instruas kantadon, notkantadon, pianoludon.



## NIA KONKURSO DE NOVELOJ

# LA ŜTORMO

La ŝipo estas tre malgranda. Longeco : 17 metroj ; larĝeco je la mezo de la ferdeko : 3 metroj. Ĝin oni konstruis speciale por fiŝkapti per trenreto. Ĝi konsistas el tri precipaj partoj : la unua por la fiŝoj, la dua por la maŝino kaj la tria por la homoj ; nenie tro da spaco.

Sub la ferdeko inter la flankoj de la ŝipo amasiĝas la kaptitaj fiŝoj en du vastaj ĉambroj : la pli grava antaŭe, la alia malantaŭe. Miksitaj kun glacio 12 mil kilogramoj da fiŝoj tiel venas el la maro al niaj tabloj.

Meze inter la du fiŝĉambroj jen la maŝino. Nigra, fortega, impona ĝi donas vivon al tiu-ĉi ligna estaĵo. Ĝiaj 128 H.P. antaŭenpuŝas la ŝipon kontraŭ ĉiajn ventojn, kondiĉe ke oni nutru ilin per bareloj da « mazuto » kaj per litroj da oleo. Tian forton oni uzas ankaŭ por suprenlevi la reton kaj por lumigi la internon de la ŝipo.

Tie-ĉi vivas dek homoj : ok fiŝkaptistoj, unu ĉefmekanikisto kaj unu helpmekanikisto, kiu estas samtempe kuiristo. Kvin el ili povas kuŝi en malgranda kvadrata ripozejo, kies sola malfermaĵo estas mallarĝa truo, kiu ebligas iri sur la ferdekon. La aliaj deĵoras.

Ĉiuj obeas la estron ; li estas la sola mastro post Dio. Li mem plej ofte tenas la radon, per kiu li direktas la ŝipon. Li prizorgas la ordigon de ĉio, kaj disdonadas la laboron al ĉiuj. Ankaŭ li funkciigas la radioaparaton.

Alia grava persono estas la ĉefmekanikisto. Li zorgas pri bona funkciado de la maŝino.

Tiel du homoj tenas en siaj manoj la vivon de la tuta ŝipanaro : La mastro, kiu sola konas la vojon, la ĉefmekanikisto, kiu sola scias la sekretojn de la maŝino.

La fiŝkaptistoj manipulas la grandan reton, kiu kaptas la fiŝojn, kvardek metrojn sube. Tiu kaptilo formas sakon. La enirejo larĝe malfermiĝas kvazaŭ buŝego, kies malsupra parto ĉiam treniĝas sur la fundo de la maro, dum la supra parto estas tirita supren de flosaĵoj el fero aŭ el vitro. La tuto ŝajnas eksterordinara monstro trairanta la maron por sin nutri per miloj da fiŝoj. Ĝi englutas ĉion, kion ĝi trovas survoje : longajn, rondajn, platajn, pezajn, malbelajn, bongustajn, ĉiajn specojn de fiŝoj ĝi enkarcerigas inter la maŝoj de siaj flankoj. Dum 2 horoj kaj duono ĝi serĉas nutraĵon sur la vastaj ĉaskampoj de la maro. Poste ĝiaj servantoj tiras ĝin supren vertikale en terura bruo de maŝino, leviloj, krioj kaj fajfilo. — Oni malplenigas ĝin, tirante ŝnuron de nodo, kiu fermis la malantaŭan parton. Tiam la fiŝoj falas amase sur la ferdekon. Maristoj enkeligas ilin, dum aliaj denove subakvigas la grandan reton.

Nun tiu-ĉi kuŝas ĉe la bordo de la ferdeko zorge ligita de la fiŝkaptistoj. La ŝipeto trankvile luliĝas, karesante la muron de la alta kajo, kiun oni povas atingi per longa vertikala ŝtupareto el fero.

Antaŭ kelkaj minutoj venis doganistoj. Ili scivole sin klinis super la ŝipeton. Post kelkaj paroloj kun la maristoj ili eltiris per ŝnuro kelkajn korbojn da fiŝoj kaj ŝanĝe malsuprenigis kelkajn litrojn da vino.

Ĝoje la maristoj kantas, trinkante ĝis kompleta ebriiĝo.

Ĉio estas bona, ĉar la fiŝkaptado finiĝis. Multaj fiŝoj facile vendeblaj loĝas en la ventro de la ŝipo. — Baldaŭ vespere ĉiu retrovos sian familion kaj sian liton post ok tagoj pasigitaj sur la maro. Ĉiuj zorgoj estas for, oni rajtas festadi nunmomente.

Nun, jes... sed hieraŭ...

Blovis forta vento el okcidento. La homoj ŝanceliĝis kaj glitis sur la mova kaj kliniĝanta planko. Ondegoj furioze frapis la flankojn de la ŝipeto ; kelkfoje balais la tutan ferdekon kaj ofte ŝprucigis pluvon da sala kaj malvarma akvo sur la virojn. Malgraŭ la malbona vetero tiuj-ĉi fiŝkaptis ĉar ili devas vetbataladi pri laboremo kontraŭ tiuj de la grandaj ŝipoj. — Tamen la kondiĉoj estas malsama ! Kia penego sur tiu-ĉi ŝipeto !

Subite aperis el sia turo la nigra ĉefmekanikisto. Li rimarkis neordinaran perdfluon de la brulmaterialo. Antaŭ ol li sukcesos ripari la tubon mankos la kara fluidaĵo. Tiam ĉesos la fortega vivo de la maŝino. Vento kaj ondegoj nerezisteble puŝos la ŝipon al rokoj aŭ sur sablon, kie okazos katastrofo.



Tion tuj komprenis la mastro. — Li ĉesigis la fiŝkaptadon, kaj senatende direktis la ŝipon al la plej facile atingebla haveno.

La kaptistoj sin interpremis en la malgranda ripozĉambro ; ili estis malkontentaj. Iu plendis pri la malkomforto : dum 8 tagoj ili nek lavis nek razis sin, ĉar estas neeble kunporti sufiĉan kvanton da rivera akvo. — Alia ĝemis pro la nutrado ; ĝi konsistas el fiŝsupo, bolitaj, fiŝoj, frititaj fiŝoj kaj sardeloj en skatoletoj. Eĉ hodiaŭ mankis pano !

Ĉiuj pensis pri la danĝero, kiu ilin minacis. Tion ili ne diris, sed bone ili sciis, ke la ridinde malgranda buo apenaŭ sufiĉus por subteni tri homojn, kiam la ŝtormo ĵetos ilin en la ondojn. La ŝtormo aŭ la mino !... Pasintan semajnon dekdu kamaradoj perdiĝis en la maron kun sia ŝipo pro minkolizio.

Ja ekzistas la radioaparato. Ĝi ebligas helpalvokon, sed kiam alvenos la savontoj ? Precize je tiu momento la mastro alvokis la marbordan stacion « Radio Bulonjo ».

Dum tuta horo li vane klopodis ricevi respondon. Verŝajne pro fulmotondro la radiooficisto ne aŭdis la voĉeton. Tie-ĉi sur la ŝipeto la maristoj aŭdis pecetojn de melodioj senditaj el amuzejoj. — Tie ŝajnis kvazaŭ mokridoj inter la bruegoj de la ŝtormo.

Subite ĉesis la bruo de la aparato kaj samtempe mallumiĝis la lampoj : la elektroproduktilo ĉesis funkcii.

Ĉiuj grumblis rilate al la mastro, kiu kondukas ilin sur fiŝlokon, kia ajn estu la vetero !

Starante ĉe la direktilo la mastro ne aŭdis la mallaŭdajojn, sed li scias kion pensas la subuloj. Li mem pensas, ke se oni restus sur la bordo, dum grandaj ŝipoj fiŝkaptadas, oni perdus monon kaj energion. Eĉ en tiuĉi aĉa minuto li preferas frunte kontraŭbatali gravajn danĝerojn ol vivi en mizero.

Cetere li havas plenan fidon pri si mem. Li jam spertis aliajn malfacilaĵojn. Li konas ĉiujn vojojn en tiu marparto.

Noktomeze, la ŝipeto atingis la havenon « Calais », kiam la brulfluidaĵo estis tuj elĉerpiĝonta.

Post ripozo kaj ŝarĝo de sufiĉakvanto da brulaĵo la ŝipeto iros al Bulonjo, kaj la maristoj hejmen. — Pro tio ili festadas, jam forgesinte la malfacilajn horojn.

Kiom da tempo daŭros la plezuro ?

Kvardek horojn ! Ne pli, ĉar la monsumo havigita de la fiŝvendado ne permesas longan libertempon.

Kalkulu ! Post detranĉo de la ĝeneralaj kostoj duono iros al la posedanto de la ŝipo. La alian duonon dispartigos la ŝipanaro laŭ dekdu egalaj partoj, ĉar du partoj restas por la maŝino. Do, ĉiu homo ricevos nur dudekkvaronon de la profito.

Tiu-ci rakonto ne estas imaga. La 6an de Aŭgusto 1946a la maristoj de la ŝipeto « Eŭreka » el Bulonjo travivis tian aventuron. — Tiel vivas kutime la fiŝkaptistoj de la malgrandaj trenretoŝipoj.

Tiel vi komprenos mian maristan amikon, kiu sopiras al la fino de sia marista kariero kaj diris : « Feliĉe mi havas nur du filinojn, kaj neniun filon ! ».

TURIN.

SALOM ALEJĤEM

# AL ĈIUJ EGALE

*(utopio)*
*el la lingvo » jidiŝ » tradukis*
Maurice SALZMANN

## DAŬRIGO
## ĈAPITRO TRIA

La sekvantan matenon (mi kuŝis ankoraŭ en la lito) mi aŭdas la voĉon de mia edzino :

Kie vi estas, servistino ? Alportu akvon, hejtu la fornon, servistino !

Kie do forestas la servistino ? Ŝi foriris hieraŭ nokte, kaj ŝi ne plu revenis.

Aŭdaco de servistino ! — diras mia edzino, kaj kolerigas preskaŭ svenante. — Jen vi vidos, kiel mi maldungos ŝin !...

Ĉe tiuj eniras la servistino vestita festotage kun ĉapelo kaj kun ombrelo, klakigante nuksojn.

— Bonan feston mi deziras al vi- diras al ŝi mia edzino- Kial vi estas tiel belege ornamita, animo mia ?

— Mi venis al vi por diri- diras al ŝi la servistino tute ĝojega kiel fianĉino- ke vi serĉu alian anstataŭ mi.

— Kion ? Kial do ?

— La fakto estas... Ni jam estas nun dank'al Dio mastroj egalaj al ĉiuj. Ni estas feliĉe naŭ personoj, sekve nia parto faras naŭ-dek mil rublojn.

— Ili estas ja pli riĉaj, — diras mi mallaŭte al mia edzino, — kaj ni staras kaj rigardas unu la alian senparole.

— Mi timas, mia edzino, ke la hodiaŭan fojon vi devos levi la manikojn kaj bonvolos vi mem hejti la fornon.

— Bela ĝojo ! Je ĉiuj malbenitaj sonĝoj !...

Kiam mia edzino komencas rakontaĉadi pri sonĝoj, mi iras for de la hejmo. Tiel mi kondutas ĉiam, kaj tiel mi ankaŭ nun faris.

Veninte en la straton — estas trankvile, festotage !

En la foirejo ĉiuj butikoj estas fermitaj, oni vidas nenian animon. La popolamaso dormas ankoraŭ — pensas mi — ĝi ripozas pro la hieraŭa tago.

Mi levas miajn okulojn — jen Nehemio la lamulo, cigaredvendisto, kuras rapidege, sursaltas sur unu piedo, kaj mi rememoras ke mankas al mi cigaredoj.

— Kien vi kuras, Nehemio ? Haltu momenton !

— Mi tempon ne havas — li respondas — mi kuras hejmen.

— Unu sekundon ! — mi diras mi volas mendi ĉe vi milon da cigaredoj !

Kiajn cigaredojn ? — li respondas — kiajn makaroniojn ? Mia patro ĵus forportis en la bankon trezoron kaj vi parolas al mi pri cigaredoj !

Kia kanajlo ! — pensas mi — neniam Nehemio parolis al mi tiamaniere.

— Tamen mi bezonas — li replikas kaj forkuras kun malrekta piedo kaj lasas min stari kiel malsaĝulo en la foirejo.

Tiu-ĉi foje mi devos aĉeti pretajn cigaredojn — mi pensas — kaj mi daŭrigas mian vojon. Kaj mi rimarkas Ĥlavnon la botiston, starantan apud la pordo de sia ĉambro, en kiu la objektoj estas en malordo.

Ĥlavno la botisto estas homo kun maldensa barbo kaj malrektigita nazo, kiu fajfas kaj kun nigraj dikaj fingroj.

— Kien vi iras, Reb (1) Ĥlavno ? — Mi intencas transloĝiĝi — li diras al mi kaj la nazo fajfas — estas sufiĉe loĝi ĉi-tie en tia aĉejo. Aliaj sin regalu per la cimoj. Dank' al Dio mi jam povas hodiaŭ permesi al mi havigi pli belan loĝejon. — Estas bone, ke mi rimarkis vin Reb Ĥlavno ; ĝuste mi bezonas paron da botoj, vonvolu, mi petas vin preni mian mezuron je paro da botoj.

— Botoj ? — diras al mi Ĥlavno kun fajfo — aliaj faru al vi aliajn novajn botojn ; per ses-dek mil rubloj dank'al Dio mi trovos, komprenéble alian okupon. Kiel vi pensas ? Ha ?

(1) Sinjoro, majstro.

La penso, ke Ĥlavno la botisto estas homo kun sesdek mil rubloj tre plaĉas al mi, tiel ke mi ridegas kaj pensas, ke mi jam devos aĉeti pretajn botojn kaj vestojojn.

Kaj mi sekvas la vojon pluen kaj mi renkontas Alikon la tajloron kun festotaga surtuto kaj kiu portas sur la kapo tute novan capon tiritan kiel kordo. Liaj avidaj okuloj rigardas min kun rideto.

— Bone — mi diras — ke mi revidis vin, Alik !

— Kion signifas tiu ĉi boneco ? — li diras al mi kun rido de malĝentilulo.

— Mi volas peti vin, ke vi bonvolu veni al mi hodiaŭ post la tagmanĝo.

— Kion mi faros ĉe vi post la tagmanĝo, ekzemple ? — li respondas al mi ĉiam kun la sama mieno de malĝentilulo.

— Kion signifas tio — mi diras — kion vi faros ĉe mi ? Mi volas mendi novan garnituron, tio signifas, ke mi volas farigi al mi du garniturojn : unu el trikotaĵo, iom varmetan, kaj la alian verdan el lino por la varmegaj tagoj.

Nu, kaj tio ĉi — li diras al mi — koncernas min ? Mi estis mirigita de tia respondo kaj mi povis je tio respondi ne unu vorton.

Li certe komprenis, ke mi estis surprizita kaj li sin turnis al mi kiel vera malĝentilulo.

— Kial do vi estas tiel kolerema ? Hodiaŭ mi jam plu ne estas, dan'al Dio, tajloro, mi estas mastro egala al ĉiuj ; mi posedas hodiaŭ kvindek mil rublojn ; ĉu vi komprenas, jes aŭ ne ? kvindekmil rublojn ! Kaj li ekbatas per la mano la poŝflankon kaj klakigas la fingrojn.

— Tajloro restas tajloro, mi diras kaj daŭrigas mian vojon en la direkto de la foiro, inter la butikoj. Kiu ? kio ? Neniu estas, eĉ ne hundo ! Pordoj kaj pordegoj estas fermitaj ; malofte pensas pri neniu, eĉ ne respondas je « bonan matenon ».

Subite iu frapas mian dorson ; mi returnas min. Reb Meir la Cerbo !

— Nu ? li diras al mi. Je kio vi alcelis ?

— Dank'al Dio ! — mi diras — plu ne ekzistas malriĉuloj, plu ne ekzistas riĉuloj ; hodiaŭ dank'al Dio ni ĉiuj estas egalaj.

— Kia ĝojo ! — li diras al mi kaj strange rigardas miajn okulojn.

Reb MEIR la Cerbo estas homo maljuna kun granda griza barbo kaj kun alta frunto kaj oni konsideras lin ĉe ni kiel nesaĝulon, tio signifas iom ne tro saĝa, kaj tial oni nomas lin « la Cerbo ». Sekve li konsideras sin kiel saĝulon, filozofon. Li estas sola, vidvo, sen infanoj kaj oni taksas lin kiel grandan riĉulon. Superante tricent mil rublojn, nun post la divido li prenis sian parton, entute dekon da miloj. Sekve li faris malbonan negocon kaj tio ĉi tamen tre plaĉas al mi kaj mi renkontas lin kun rideto.

— Ha, jes — li diras al mi — viŝante sian ŝviton — vi ridegas, vi estas dan'al Dio ĉiuj riĉuloj kaj vi estas kontentegaj ? Do mi diras al vi, vi aŭdas, ke vi ĉiuj estas malbonstataj !

— Malbonstataj — mi diras — kial do ?

— Tial ke vi ĉiuj estas bestoj ; vi eĉ ne komencas kompreni kio fariĝas kun vi.

— Nur v imen — mi diras — estas saĝulo ; ne vane oni nomas vin « la Cerbo ».

Vi povas — li diras — nomi minkiel vi volas, sed mi diras al vi, ke vi ĉiuj estas bovinoj, ĉevaloj, bovidoj !

Tio ĉi jam tre malplaĉis al mi, ke « la Cerbo » min insultas, nomas ĉiujn per la nomoj de bovinoj, ĉevaloj, bovidoj. Kaj ridante rekte en lian vizaĝon mi forlasas lin.

— Ĝoju, ĝoju ! — li krias post mi — vi bedaŭros ! Ĝi, falos al vi dorsen !

— Maljuna malsaĝulo ! — mi pensas — mi scias, kio suferigas vin ! Malplaĉas al vi, ke hodiaŭ mi estas pli riĉa al vi ! Vi ne estas sola, ekzistas ĉe ni multaj tiaj riĉuloj kiel vi, kiuj pensis, ke nur ili devas havi monon ; finite, plu ne akzistas riĉuloj, plu ne ekzistas malriĉuloj, plu ne ekzistas nobeluloj !

Mi returnas kaj iras hejmen.

DAŬRIGOTA

# LA SPESMILO



René de SAUSSURE. — Estis franclingva Sviso. Li arde defendis E-on dum la Idoskismo. Sed poste li kreis aliajn projektojn de helplingvo : « Antido I, Antido II (kaj — eble kun aliaj ciferoj) Lingvo Kosmopolita, Nov-Esperanto K. T. P. ».

Ni ne intencas paroli pri la nekalkuleblaj projektoj de tutmondaj lingvoj kiuj eliris de la cerbo de SAUSSURE. Ni nur diros ke la fama mondlings-faristo estis en 1907 Esperantisto. En « Internacia Scienca Revuo » de tiu jaro aperis artikolo titolita « *Projekto pri internacia monsistemo* » subskribita de la projektinto, projektanto, projektonto (estas nur tri gramatikaj tempoj) de lingvo internacia. Tiu artikolo havis apartan represaĵon (Genevo 1907 Prezo 0,10 sm).

Jen skize tiu projekto :

La fundamenta unuo estas la speso (s). Dek spesoj valoras unu spesdekon (sd).

La praktika unuo, la spesmilo (sm), valoras mil spesojn 10 spesmiloj (aŭ 1 spesdekmilo) estas la valoro de 8 gramoj da oro je11/12. Je tiu feliĉa epoko la spesmilo valoris 2,5 francajn aŭ svisajn frankojn, 2 germajn markojn, 2 anglajn ŝilingojn, 2,4 aŭstrajn kronojn, 1,2 holandajn florenojn, 0,45 portugalan milrejson aŭ 0,50 usonan dolaron.

La libreto priparolita supre kostis 0,10 sm. do per franca mono ni estus elspezita 2,5 fr. fr. : 10 = 0 fr. 25. La jara kono de Kompreni kostus 50 fr.) × 0,4 = 20 sm. Tiel la administranto de nia gazeto kiu ĉiam grumblas pro monmanko ricevus de ĉiu abonanto 16 gramojn da oro. (Noto de la redakcio : 16 gramoj da oro minus 50 franka papero = 2 mondmilitoj aŭ : 2 mondmilitoj plus 1947a 50 franka bileto = 16 gramoj da oro — K.T.P.).

Nuntempa la kursoj valsas kiel akrobatoj. La spesmilo restas nur citaĵo restas nur citaĵo el la mondlingva historio. La nomo de la speso devenas de la franca « especes » kaj de la angla « specie » kiuj signifas « metala mono ». Nun la metalaj monoj oni preskaŭ ne plu uzas. Sed la esperanta movado nepre bezonas rimedon por ke ĝiaj membroj povu aĉeti alilande, povu vojaĝi eksterlanden. Ĉu iu provos restarigi la ĉekbankon de Hoveler pri kiu ni parolis en la lasta numero ? — Ĉu estos alia solvo ?

La parolo estas al niaj legantoj.

Ĉu post la kunfandiĝo de I. E. L. kaj U. E. A. oni realprenos la 40 jaran nomon U. E. A. ? Nia kunlaboranto. L. THEVENIN, Delegito de I.E.L. verkis la ĉi suban poezion, kiu montras kiom kara estas tiu mallongigo.

# SONETO AL U. E. A.

Universala Esperanto Asocio,
Vi estas familia rondo grande bela,
Vi estas por bonvolaj homoj tur' Babela,
Farita kun la helpo de favora Dio.

Eŭropo, Amerik', Afrik', Oceanio,
Azio supreniru ĝis la paco hela
Per sola direktilo de parol' fidela,
Rimedo de konkordo kaj de harmonio.

Alvenu ĉiuj homoj riĉaj kaj malriĉaj, ,
Alvenu malfeliĉaj, ankaŭ vi feliĉaj,
Alportu ĉiu ŝtonon al komuna scio.

Alvenu de proksimo kaj de malproksimo
Kaj estu ĉies kapo, koro kaj animo
Universala Esperanto-Asocio.

THEVENIN.



# DEVENO DE LA VORTOJ

*Multaj vortoj estas artefaritaj dum la moderna epoko. Ni serĉis kelkajn. La laboro de niaj legantoj estos trovi aliajn.*

KRAVATO. — Venas de Kroato. Iam la franca Reĝo dungis balkanajn soldatojn. Tiuj militistoj surhavis ĉirkaŭ la kolo rubandon. La Francoj nomis tiun vestaĵon « Croate » kaj poste la termino fariĝis « *cravate* ».

FIAKRO. — Estas luebla kaleŝo je dispono de la publiko. Estas ankaŭ nomo de sanktulo, irlanda monaĥo kiu vivis dum la 6a J. C.

Oni nomis tiel la lueblajn kaleŝojn ĉar la unua oficejo de luo estis en Parizo en « Hôtel Saint-Fiacre » (1640).

BATISTO. — Tiu termino venas de la nomo de la unua fabrikanto de delikata tolo et lino. Li havas statuon en Cambrai (Francio).

MANSARDO. — Estas la propra nomo de la franca arkitekto *Mansard* kiu ĝeneraligis la konstruon de tiuj subtegmentaj ĉambroj.

KANGURUO. — Vulgara nomo de la makropo havas strangan devenon. Iu foje angla esploristo vidante makropon demandis indiĝenon « Kiel vi nomas tiun beston ? » La respondo venis tuj « Kan-gu-ru ». Sed poste kiam la Eŭropanoj konis la indiĝenan lingvon ili konstatis ke tio signifas : « mi ne komprenas ».

BANKROTO. — El la itala lingvo *banco* (benko) kaj *roto* (rompita). La mezepokaj italaj bankistoj montris la monerojn vendotajn sur benkoj instalitaj sur la vojoj. Kiam bankisto estis tro malhonesta (ĉar neniam ekzistis honesta bankisto) oni simbole rompis la benkon.

LOMBARDO. — (Monprunto kontraŭ movebla garantiaĵo). — Tiu termino venas de la nomo de la loĝantoj de Lombardio (itala provinco) kiuj estis aktivaj monpruntistoj.

NIKOTINO. — Venas de la nomo de la franca diplomato Jean Nicot kiu konigis tiun solanacon en Francio. La Francoj ankoraŭ nomas la tabakon « Herbo de Nicot ».

BAREMO. — Estas tabelo de antaŭpretaj kalkuloj. Barrême aritmetikisto naskiĝis en Liono (1640-1705) kaj verkis « La Libro de la antaŭpretaj kalkuloj ».

AMPERO. VOLTO. FARADO. JULO. VATO. Tiuj terminoj venas de la fizikistoj konataj de ĉiuj.

MAKADAMO. — Mac Adam estas la eltrovinto de tiu sistemo de vojkovro.

Ni konstatis ke kelkaj propraj nomoj fariĝis vortoj komunaj.

Tamen iafoje la kontraŭo okazas. Ĉiuj el vi konas *Mabul'on* kies travivaĵoj estas rakontitaj je la oka paĝo de *Kompreni*. En la araba lingvo *mabhul* signifas : viziulo, estas sinonimo de frenezulo.




*Mes Témoignages à la Cause du Christ*, de R. Marcand. — 100 fr. ĉe la aŭtoro 3, rue Regis, Bordeaux.

Mi memoras pri la unua eldono de tiu verko en 1939. Estis nur 24 paĝa broŝureto. La unua volumo de la sama verko estas nun 240 paĝa. Marcand emas reveni al la primitiva kristanismo. Tiu franclinga verko estas interesa por la konvertitoj. Mi timas ke por la nekredantoj ĝi efikus kiel dormig-medikamento.

*Islamo Esperantiste rigardata de Colin Evans.* — (I.K.R.O. 10 St. Philips Place London W 2-3 resp. kup. aŭ ĉe libro-servo de Kompreni 30 fr.).

Tiu 32 paĝa broŝureto plaĉos certe al la legontoj. La aŭtoro komparas la zamenhofan kaj mahometan idealojn. Ni nur povas bedaŭri la altan prezon de tui broŝureto.

*Unua Katalogo de la Esperantaj Poŝtmarkoj.* — Kompilis Saget. Prezo 2 int. RK. adresitaj al Filliatre Achères (S.-et-O.) Francujo.

Mi ne estas filatelisto. Sed mi estis multe interesata de tiu verko. Multaj ŝtatoj eldonis poŝtkartojn aŭ poŝtmarkojn en nia lingvo. La unua loko okupas Sovetio. Francujo neniam eldonis esperantajn poŝtajojn.

**LA VORTAROJ E-o-FRANCAIS ESTAS AĈETEBLAJ ĈE NIA LIBRO-SERVO**



# NOVA INTERNACIA LINGVO

La sekvantan artikolon, ricevita de Parizo, ni enpresigas senŝanĝe.

Ni tute konsentas kun la aŭtoro kiam li akre atakas la Fuŝistojn. Pri la afero U. E. F. ni, kiuj konas kaj spertas la postmilitajn malfacilajon povas diri ke la gvidantoj ne povas esti kulpigitaj. Cetere estas anoncite ke la gazeto aperos de nun regule.

P. S.

(Parolado farita en la Sorbone je kunveno de la Pariza Grupo la 6an de Decembro).

Ni ĉiuj scias ke, nun la demando pri lingvo internacia estas zorgege ekzamenata de anaroj, kiuj sin dediĉis al la feliĉo de la homaro.

Tre grava demando estas : « Kiun lingvon elekti ?

Eminentaj lingvistoj tre sprite solvis la problemon : ili kreis plurajn lingvojn, kaj proponis ke la popolo elektu la plej bonan. Kia demokrata kaj netruda rimedo !

Estas evidente ke ju pli da personoj zorgos kore tiun demandon, des pli da personoj atingos perfektan solvon. Do, mi provis helpi tiujn malprofitemajn filantropojn, kaj mi submetas al vi mian laboron.

Mi starigis novan internacian lingvon ; tiu lingvo estas perfektiĝo de Esperanto, kiu estas, kiel oni scias, maljuna afero, neperfekta kaj prezentanta multajn maloportunojojn kiel la punkto sur la i, kaj aliajn gravajn malfacilajojn.

Jen kiel mi cerbumadis por starigi FUŜON (tio estas la nomo de mia lingvo, kiu devenas de Facila, Utila, Ŝatiuda, Oportuna). Mi serĉis la malfacilajojn kaj maloportunajojn de Esperanto ; mi trovis :

1) la maloportunan punkton sur la i.

2) la malfacilajn gramatikajn regulojn (precipe la akuzativon)

3) la malfacilan elparoladon

scii (sc), esperanto (an), helpi (h) mehaniko (h), laŭ la devigata akcento sur la antaŭlasta silabo.

4) la malgrandecon de la vortaro.

Tiuj malfacilajoj estas gravaj : oni vidas ofte personojn, kiuj lernis Esperanton de tre longe, kaj kiuj ne ankoraŭ scipovas ĝin.

Por kontraŭstari tiujn malhelpojn mi decidis ke ;

1) en Fuŝo oni ne estas devigataj meti la punkton sur la i

2) Mi aldonis al la A B C la literon X (kso), kiu estas tre oportuna kaj utila.

3) Oni uzas la gramatikon kiel oni povas : la nekonformeco ne estas rigardata kiel eraro : tiel ekzemple, se ni uzas la akuzativon, kiu ne estas en la gramatiko, oni ne riproĉos ĝin al li.

4) Oni parolas Fuŝon tiel, kiel oni povos : la nekonformeco ne estas rigardata kiel eraro.

4) en Fuŝo oni povas starigi novajn radikojn ; ĝenerale sufiĉas preni nacian radikon kaj aldoni finajon. Tio permesas grandan flekseblecon kaj ne devigas la paroladistojn diri kiel kutime al la ĉeetantoj de la Pariza Grupo : « Mi petas vian pardonon uzi tiun neoficialan vorton ».

En Esperanto oni provis labori pri tiu punkto ; tiel ekzemple, oni jam oficialiĝis la bonegan vorton « klasifiki », kiu estas multe pli oportuna ol « enklasigi » sed, tiaj timemaj provoj ne sufiĉas kaj devus esti sekvataj : konvinkanta estas la komparo inter nia malgrandega plena vortaro kaj niaj belaj naciaj vortaroj.

Oni povas rimarki ke se Fuŝo estus uzata, la multnombraj malbonstilaj Esperantaj libroj fariĝus tuj bonaj fuŝlibroj.

Ne estas necese insisti plu pri la supereco de Fuŝo :

La lingvo estas facilega, ĉar oni forpelis la plej gravajn malfacilajojn kaj la uzo de la aliaj ne estas devigata. Do NENIU eraras ; eĉ la komencantoj bone parolas, kaj oni ne malkuraĝigas ilin, riproĉante iliajn erarojn.

La fuŝistoj ne bezonas kunporti lernilojn, kiel la esperantistoj, kiuj ĉiam portas en la poŝo la Fundamenton, la Plenan vortaron, kaj la fundamentan Krestomation, kaj kiuj povas rediri parkere la Fundamenton.

Estas tiel facile uzi la lingvon kaj starigi novajn vortojn !

Ankaŭ la facileco de la lingvo estas tiom granda, ke oni ne bezonas praktiki la lingvon, kio estas pli teda ol tiuj esperantistoj kiuj, ekde kiam ili vidas vian stelon, trudas vin paroli esperante : « bonan tagon sinjoro ! ». La fuŝistoj gardas sian lingvon en la koro, kiel granda trezoro ; tio malhelpas la eluzon de la lingvo, kaj ili estas pretaj paroli al la alilanduloj belsonan kaj freŝan lingvon.

Vi diros al mi : sed, ĉu tiu lingvo tiel facila, estas komprenebla ? Mi tuj trankviligas vin, dirante ke, se oni ne komprenas vorton, oni komprenas la aliajn, kaj tio sufiĉas. Tiel ekzemple mi renkontas fuŝiston kaj diras : bonan tagon sinjoro, comment allez-vous ? », se li ne konas la vortojn « comment allez-vous ? », la tono de via voĉo sufiĉos por ke li perfekte komprenu, ke vi volis diri : « kiel vi fartas ».

Por montri al vi kiel mia lingvo estas belsona, mi legas al vi kelkajn liniojn el ĝi (kelkaj misinformitaj personoj eble kredos ke tio estas malbona esperanto, sed tio estas fakte pura fuŝlingvo).

*Karaj amikoj, mi konsilas al vi konstante utilizi Fuŝo. Tiu lingvo kijel vi sias estas fasilega, belsona, kaj povas sesti parolata per iu ajn eŝ per la plej malertaj omoj. Tijo elpos la fratiĵo de la popoloj de la mondo. Aliĝu al U E F (Union pour l'Expansion de la Fuŝo). Pagante vijan kotizon, vi estos membro kaj vi risevos Fransa Fuŝisto, ŝijusemajna revuo kiju aperas ŝiujare. Alprenante Fuŝo, vi laboros ankaŭ por la pajo de la mondo.*

(elparolu on an.., kiel en franca lingvo — bone akcentu la lastan silabon).

LAPIERRE.

## KRUCVORTOJ

En la lasta numero la enigmo n° 7 estis tute ne komprenebla pro ago de juna tipografisto. Post enketo ni konkludis ke li estis aminta.

### JEN LA BONA KRADO



## AL LA VENKO

La administracioj, firmoj, gazetoj interesiĝas al nia movado nur se ili ricevas imponan amason da leteroj el la esperantistaro.

Estas devo por ĉiu samideano sendi iam k. iam leteron aŭ poŝtkarton por plivivigi nian aferon.

Por kunordigi la penojn « Kompreni » indikos en ĉiu numero adreson. Ĉiu devas nepre skribi. Gazetoj estas petataj represi.

En la centro de la Hungara Fervojista Sindikato estiĝis Esperanto informservo.

Por Fervojistoj ni komencis kursojn en 63 urboj en la lando.

Nin subtenas la fervoja direktoraro kaj la ministraro, tamen ni bezonus vian interhelpon.

Se niaj protektantoj spertus la eksterlandan uzon de Esperanto ni ricevus pli da helpo.

Tial ni petas vin bonvolu skribi al la Hungara Fervojdirekcio, Budapest, Andrassy Ut 75, petante esperant lingvajn broŝurojn kaj klarigojn.

Vian helpon petante ni subskribas.

kun frata amo :

Esperanto Fako de la Hungara Fervojista Sindikato.

## NEPRE SKRIBU



## LA TRAVIVAĴOJ

DE MABUL KAJ SINOK



La du francezuloj eniras en la butikon de viandvendisto.

Mabul alparolas la komerciston.

— Ni dezirus 3, 15 kilogramojn de viando.

— Kian viandon ? Ĉu safaĵon ? ĉu bovidaĵon ?

— Tute ne gravas. Nur ni deziras ke tiu speco pezus precize 3,15 kg.

La viandvendisto komplezeme plenumas la deziron. Sed kiam li prenas paperon por paki la varon Sinok haltigas lin. « Ne necese Sinjoro. Mia amiko malgrasiĝis je 3,15 kg. Kaj ni deziris konstati kioman volumenon tio faras. Ĝis revido Sinjoro ».

## LIBRO-SERVO "de Kompreni"

Mlle *C. Chalas*, 41, rue des Tables-Claudiennes, Lyon (1er). C.C.P. Lyon. 2210-35.

Port compris dans les prix. Réduction 10 % pour commande supérieure à 200 fr. Recommandation (7,50 en plus), sur demande.

| | |
|---|---|
| Dictionnaire français - esperanto (Grosjean Maupin) ....... | 220 fr. |
| Dictionnaire esperanto - français (Grosjean-Maupin) .......... | 110 fr. |
| Cartes postales (texte : Poŝkarto)............. les 20 | 20 fr. |
| Nouveau cours d'Espéranto (R. Levin).............. | 56 fr. |
| Cours Pratique (Gram. verte). | 70 fr. |
| Vocabulaire de poche (L. Bastien).................... | 45 fr. |
| Filatela Terminaro (H. M. Scott).................. | 50 fr. |
| Muzika Terminaro (Buttler-Merrik)................. | 50 fr. |
| Radio Terminaro (A. Venture). | 50 fr. |
| Une Humanité, une Langue (S. Glodeau) 72 p. ........... | 45 fr. |
| Une Humanité, une Langue (48 p.)................. | 35 fr. |
| Forto de l'Vero (Adi)......... | 80 fr. |
| D-ro Dorner (H. L. Hegerrup). | 200 fr. |
| Kompatinda Klem (Merchant). | 50 fr. |
| Pli ol Fantazio (Bagh)........ | 100 fr. |
| Tri Angloj Alilande (Merchant) | 40 fr. |
| L'E-o au service de l'enseignement (Bovet)............ | 5 fr. |
| Islamo esperantiste rigardata (brochure).............. | 30 fr. |




## KORESPONDU

### AŬSTRIO

LINZ. — S-ro Karl NIGL, ur Reichstr. 4, oficisto 37 jara dez. kor. kaj interŝanĝi P. M.

LINZ. — La gelernantoj de la Esperanto kurso. Steingasse 6, dez. kor. kun francaj esperantistaj grupoj.

### BULGARIO

PEŜTERA. — S-ro ŜTERJO. Z. ulica 20, n° 13. Studento pri agronomo, Ĉefredaktoro de « Studenta Fronto », dez. kor. pri agronomio, abeloj, politiko, literaturo.

### ĈEKOSLOVAKIO

BRECLAV. — S-ro Antonin VAJA, Na Peŝinê 42, faka instruisto dez. ricevi adresojn de gekorespondantoj por siaj lernantoj 15 jaraj knaboj.

### ITALIO

TORINO. — D-ro Mario Bonino via Saccarelli 31 dez. kor. por siaj 150 gelernantoj.

### NEDERLANDO

ROTTERDAM.— S-ro J. van LINDT 17 a. Burg. Hofmanplein dez. kor.

ROTTERDAM. W. — S-ro A. H. V. LOON Mathenesserdiok. 251. Tramisto 60 jara dez. kor. hun sammetiistoj.

### SVEDIO

ALGARRAS. — S-ro Paul ISACSSON Fridhem, maŝinlignisto 42 jara dez kor. kaj interŝanĝi P. M.

LINKOPING.— S-ro G. ANDERSSON. Arbetaregatan 23 Ŝoforo 44 jara dez kor.

LUDVIKA. — S-ro Konrad Emanuel HULTGREN dez. kor.

IGGESUND. — F-ino LOWGREN Ragnlel EGNA HEM 134, kontoristino ĉe kooperativo 29 jara dez. kor.

MARKARID. — S-ro Sven JONSSON. box 96, dez. kor. kaj interŝangi P. K.

Le Gérant : **H. ROY.**

Imprimerie B. CRETIN

62, cours de la Liberté - LYON.

